TUTMONDA ESPERANTISTA VEGETARA ASOCIO (TEVA)
(fondita en 1908; aliĝinta al IVU kaj UEA)

Prezidanto: Ernesto Váňa, CS - 962 71 DUDINCE, Slovakio, Ĉeĥoslovakio.

Kasistino: S-ino Landheer van der Vies, Bauerlaan 7, 2111 AT AERDENHOUT, NL (Banko: Amro-Bank (n-ro 44.71.08.646; ĝir.8238), Grote-Houtstraat,Haarlem)

Ĝenerala Sekretario: C.Fettes, St Columba's College, Dublin 16, Irlando.

Redaktanto de "Esperantista Vegetarano": la Prezidanto.

Eldonanto de "Esperantista Vegetarano": la Ĝenerala Sekretario.

*** Ek de 1981 la bulteno aperos kvaronjare, en Januaro, Aprilo, Julio kaj Oktobro. Pri nericevo, bonvolu informi la Ĝenerala Sekretario.

Landaj perantoj de TEVA

ARGENTINO: Domingo Romera, 1416 A.Magariños-Cervantes 2650, Buenos Aires.
AŬSTRALIO: Bob Felby, 11 Clare Street, ATHOL PARK, S.A. 5012.
AŬSTRIO: A.Janus, Esperanto-Centro, A-3272 NEUSTIFT.
BELGIO: Camiel de Cock, Vorsembeemdenweg 7, 2241 ZOERSEL; pĉk 000-133060-73
BRAZILO: Kim Ribeiro, Rua João Alfredo 844 Apto 11, 90 000 PORTO ALEGRE RS.
BRITIO: Alan Clough, 20 White Cliff Way, FOLKESTONE, Kent.
BULGARIO: Marin C.Petkov, Vegetara Sekcio de BEA, Poŝtk.66, 1000-SOFIA.
ĈEĤOSLOVAKIO: Ernesto Váňa, 962 71 DUDINCE, Slovakio.
FINNLANDO: Lasse Kivistö, Kivistöntie, 05510 HYVINKÄÄ 51.
FRANCIO: S-ino Alida Duran, Villelongue del Monts, 66 740 ST GENIS.
GERMANA DEM.RESP.: Erich Würker, Klein-Grönland 9, 98-REICHENBACH/Vogtl.
GERMANA FED.RESP.: T.Wilhelm Teich, Postfach 10 14 41, 4100 DUISBURG 1.
HISPANIO: Lluis Armadans, Pl.Sagrada Familia, 4,4º,3ª, BARCELONA-13.
HUNGARIO: Julio Bénik, Kis u.4, 2600 VÁC.
IRLANDO: Christopher Fettes, St Columba's College, Rathfarnham, DUBLIN 16.
ITALIO: Aldo Conti, Via R.Sanzio 15, 14100 ASTI.
IZRAELIO: Mark Steinberg, HAIFA, Kiryat Eliezer 35157, 17 Hapartizanim.
JAPANIO: Imai Masaki, Itizaki 2-2-19, Minami-ku, 815 HUKUOKA-SI.
JUGOSLAVIO: Petar Levar, 43361 KALINOVÁC.
KANADO: G. du Temple, 765 Braemar Avenue, RR≠2, SIDNEY, B.C. V8L-3S1.
KOLOMBIO: Libardo Mejía, Apartado Aereo 3525, CALI.
NEDERLANDO: S-ino O.Landheer, Bauerlaan 7, 2111 AT AERDENHOUT (ĝir.8238).
NORVEGIO: S-ino Bjorg Norsted, Onsoyveien 75, 1600 FREDERIKSTAD.
NOVZELANDO: S-ino Mavis Gibson, 46 Holly Street, Avondale, AUCKLAND 7.
POLLANDO: S-ino Halina Taras, Lumumby-str. 29/16, 10-207 OLSZTYN.
PORTUGALIO: Portugala Esperanto-Asocio, Rua Dr J.Couto, 6 r/c A, LISBOA 4.
RUMANIO: Radu Pătraşcu, Str. Pomp. Manoliu, G2-Ap.75, 73294, BUKURESTI.
SOVETIO: S-ino Angele Judickiené, a.d.871, 232044-VILNIUS-44.
SRILANKO: U.L.P.P.Gunewardena, Panapatiya, KAHAWATTE.
SVEDIO: Henryk Karlsson, Fimongatan 12, 590 40 KISA; ĝir.172716-3.
SVISLANDO: S-ino Gertrud Weigelt, Gurtengartenstr.12, 3028 SPIEGEL b.BERN.
USONO: James Parkerson, 1207 Grace Street ≠8, BAKERSFIELD, CA 93305.
VENEZUELO: David Valecillos, Calle 79 nro 3C-72, MARACAIBO-4002.
ZAIRO: Nsimba Mfumu Ndongala, B.P.1323, KINSHASA 1.

* ATENTU DONACONTOJ ! Nepre sendu viajn donacojn per internacia poŝtmandato, NE per ĉeko. Listo de donacintoj aperas sur la paĝo 27.

La kovrilon desegnis esperantista vegetarano, Jan Schaap (NL).

## VORTOJ DE LA REDAKTANTO

Karaj Geamikoj,

jen, denove plua numero ĉijara en viaj manoj!— Espereble nia kara eldonanto, s-ano Fettes, sukcesos solvi la problemojn kaj certigi regulan aperadon de nia bulteno, kio ja estas ĝenerala deziro de ni ĉiuj.

Estas tempo postkongresa, — post la kutimaj landaj kongresoj, post la UK de UEA, kaj post la *nia* en Pollando. — Mi surprizos vin, Karaj Legantoj, kiuj tie ne estis: — mi ankaŭ ne estis!... Pri la kaŭzoj ni ne parolu tie-ĉi, tiuj estis pluraj, gravaj. Do fakto estas, ke mi ne povis tie esti, partopreni la traktadojn, kaj ĝoje pasigi la tempon kun tiuj, kiuj tie estis. Dume en mia koro estas daŭre la malĝoja rememoro, ke kiam *mi* vojaĝis longe kaj lacige, por esti kun vi en la Bulgaria Roza Valo, por renkontiĝi kun vi kaj priparoli gravajn aferojn, tiam *vi* ne estis tie... Jes, mi ja scias, ke tio ne okazis pro via volo, sed laŭ volo de iuj, kiuj nebone konsciiĝis pri tio, ke TEVA estas bazprincipe *neŭtrala* organizaĵo, *nure* interes-cela *amikaro:* kontaktigi, kunigi homojn de la sama intereso en kadro de *amika rondo,* kaj ĉefe, ke ĝi estas *altruisma* organizaĵo sen profita celo, eĉ sen membro-kotizo, kiu siajn elspezojn kovras el poŝo de la gvidantoj, kaj nur parte el la libervolaj mondonacoj. — *Tial* en niaj Kongresoj, Konferencoj aŭ Kunvenoj ni ne faras oficialajn raportojn pri "laŭplanaj" agado, financoj, ktp., kaj ni ne faras budĝetojn, — ni gvidas nian organizaĵon (kiu estas unu el-inter la plej unuaj en la Esperanto-Movado, tiel "aĝa" kiel UEA), kun la celo, kiun fiksis la fondintoj: Propagandi Esperanton inter vegetaranoj, — vegetarismon inter esperantistoj.

Proksimiĝas aŭtuno, eĉ jam *estos,* kiam vi legos tiujn ĉi miajn vortojn. La vesperoj fariĝos pli longaj, kaj ni meditados dum tiuj pli multe, ol kutime. Bonvolu do ankaŭ pri tio: Kiamaniere helpi al TEVA kaj al ni, — gvidantaro, kaj kiel plimultigi la nombron de la Landaj Reprezentantoj kaj de la Membroj, — ja ni devas progresi, antaŭeniri kaj ne stari sur la sama loko! — Al tia kunlaboro mi invitas vin ĉiujn, ĉar pli multaj homoj scipovas pli multe! — Kaj ne surprizu vin la eblaj ŝanĝoj en la estraro de

TEVA, ankaŭ tie ni ja devas pli multaj agadi, funkcii, ĉar por ni, nunaj tri, da laboro estas jam multe!

Kaj ankoraŭ io: en Inowrocław iuj certe volis al mi ion diri. — Nun estas inter ni vastaj distancoj, ni ne povas persone kontaktiĝi, sed leteroj helpos, do *skribu* al amike via.

Ernesto Váňa.

## VORTOJ DE LA ELDONANTO

Kara legantaro!

Nia laboro por garantii al vi regulan bultenon daŭras, kvankam ni ankoraŭ ne povas pretendi plenan sukceson. Estas vere ke ni nun decidis kontraŭ ses numeroj ĉiujare, ĉar la poŝtkostoj malpermesas tian dezirindan solvon al niaj problemoj. Vi tamen ricevis unu numeron dum Aprilo, alian dum Julio (kvankam nomita "Majo"); ĉi-tiun oktobran numeron vi certe ricevos dum estas ankoraŭ aŭtunno; kaj ankaŭ dum la nuna jaro vi ricevis la utilan Indekson pri n-roj 1 al 25 de la nova serio. (Ĉu malnova membro povas informi nin pri la antaŭaj serioj de bultenoj por vegetaranoj esperantistaj?)

Kvankam vi, la gelegantoj, sendube ekpensas ke neniam via bulteno aperos vere regule, mi mem restas esperplena pri apero de bultenoj en 1981 kiujn vi ricevos dum Januaro, Aprilo, Julio kaj Oktobro — jes, mi intencas ke vi ja ricevos ilin dum la monato kies nomo aperas sure la kovrilo! Sed vi mem estu ne nur legantoj sed ankaŭ kontribuantoj... Ne nur artikolojn ni akceptas sed ankaŭ bildojn, desegnaĵojn amuzajn (sed notu ke la aperigo de fotoj povas esti pli multekosta). Pro peto de pluraj legantoj, la grandeco de la litertipo estas iom pli granda ol en n-ro 27; tio kompreneble rezultigos malpli longan enhavon: pluaj paĝoj multe pligrandigus la poŝtajn elspezojn. La vivo ja estas plena de problemoj!

C.F.

---

*Nia redakcio bezonus la libron: Gesundheit durch Heilkräuter, de Richard Wilfort, 1959, Rudolf-Verlag, Linz, Aŭstrio, — same la verkojn de D-ro Skriver el Germana Feder. Respubliko, precipe, kiuj parolas pri la vegetarana vivmaniero de la unuaj kristanoj, — malnovajn kaj ĝisnunajn numerojn de la gazetoj "Der Vegetarier" kaj "Vegetarisches Universum", la bildon kaj kartojn "Ne mortigu!" de Kultur-Verlag Herrmann — Ĉu iu pobus afable helpi, ricevi tiujn?*

## PRI LA TEVA-KONGRESO EN BIDGOŜĈO

Ni tuj diru, ke envere ĝi ne okazis en tiu urbo, sed en Inowrocław, pro iaj netute klaraj kialoj lokaj, eble pro difekto en la hotelo... Tiu fakto, kompreneble, faris malagrablaĵojn precipe por tiuj, kiuj veturis rekte al Bydgoszcz. — Sed ni parolu pri la Kongreso:

Alkvenis ronde 80 personoj, la plej multaj el Bulgario, — bedaŭrinde el tiuj plej multaj ne-esperantistoj (certe) kaj ne-vegetaranoj (laŭdire), — entute 50 personoj, miskompreninte la fakton, ke TEVA estas *faka* organizaĵo, kaj ne por-turisma. Post tiu la plej multnombra estis, kaj ankaŭ la plej aktiva, la ĉeĥoslovaka, kun 13 da partoprenantoj, — bedaŭrinde sen la Prezidanto de TEVA, kies foreston ĉiuj akceptis malgaje, iom trompiĝinte. Ĉi tie ni notu, ke el ĈSSR aliĝis pli ol 20 personoj, sed ne ĉiuj povis veturi, ĉar iuj ne ricevis invitilon...

El notoj pri la unuopaj programeroj kaj tagoj ni elprenu la jenajn:

Sabato, 26. de Julio: Trarigardo de la urbo Inowrocław, — nia gastiganto, — posttagmeze ekskurso al Kruŝvico, — lulilo de la pola historio. Bela pejzaĝo, lagoj, musa turo. — Vespere reveno trajne.

Dimanĉo, 27. de Julio: Je la 10a horo s-ano Fettes, Ĝenerala Sekretario, inaŭguris la Kongreson, kiun ĉeestis pli ol 80 personoj el landoj Britanio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Germana Dem. Resp., Irlando, Nederlando, Pollando, Sovietunio, Svedio. — Mesaĝon de la Prezidanto, kiu pro gravaj kaŭzoj ne povis alveni, tralegis s-ano Sládeček. Post tiu tralegita estis salut-telegramo de s-ano Damjanov kaj salut-leteroj de Landaj Reprezentantoj: s-ano Teich el Germana Feder. Resp., s-ino Judickiené el Sovietio, s-ano Conti el Italio kaj de entuziasmaj membroj de TEVA, s-ano Bareč Levo el Jugoslavio, Jezuo Perez el Hispanio, Vila Popescu el Rumanio, Jordos Tiul el Francio, Carlos Castanho el Brazilio. Bele elparolitan saluton nome de agrikultura asocio estis malakceptita pro bedaŭrinde neneŭtrala enhavo. S-ino Vaŝkova el Sofio salutis nome de la bulgaraj esperantistoj kaj s-ano Mihov el Plovdiv nome de la tieaj vegetaranoj-veteranoj, fondintoj de la iama tiea vegetara kooperativo. S-ano

Koopmans el Nederlando parolis ankaŭ pri sia aktivado por TEVA, s-ino Andrianova, verkistino el Sovetio, salutis precipe nome de esperanto vegetaranoj el Ukrainio, s-ino Taras nome de la polaj vegetaranoj, s-ano Fettes nome de la Vegetana societo de Irlando, kies prezidanto li estas, s-ano Simcock el Britanio salutis nome de la tieaj esperanto-vegetaranoj. — Nome de la Pola Esperanto-Asocio kaj Monda Turismo salutis S-ano Grzębowski, direktoro, kiu organizis nian Kongreson. — Post abunda tag-manĝo ioma paŭzo estis vizitado kaj promeno en la urba parko; post vespermanĝo komuna kantado, projekciado de diabildoj pri TEVA-Renkontiĝo en Dudince kaj Roza Valo en Bulgario.

Lundo, 28. de Julio: Ekde la 9a horo laborkunsido de TEVA, — poste ĉefe oni parolis pri nia bulteno. Venis diversaj proponoj fare de la bulgaraj gesamideanoj, kiuj (eble) antaŭe ne pripensis, ke TEVA fakte estas *amikaro*, do amikeca rondo, grupiĝo de homoj kun la samaj interesoj pri vegetarismo kaj natur-konforma vivmaniero, sen tendencoj rilate politikan ideon aŭ religian. — tute neŭtrala, ĉar se ĝi estus "asocio" kun striktaj formoj kaj regularoj, tiam ĝi ne povus havi membrojn en ĉiuj landoj, ĉar en iuj oni ne povas membriĝi al eksterlandaj asocioj, resp. ne povas tiujn reprezenti. Tiu ĉi fakto estas grava kaŭzo, kial TEVA elektis tiun ĉi formon de amikaro, sen membro-kotizo!

Post diskutado venis diversaj proponoj fare de ges-oj Balejík, Bonka Jordanova, ges-oj Koopmans, s-ino Taras kaj aliaj. S-ano Rychlík parolis pri Maliarik, kies ideo ligiĝis al Esperanto kaj vegetarismo. — S-ano Fettes akcentis gravecon en rilatoj kun Internacia Vegetara Unio, ĉe kiu li klopodas atingi rekonon de Esperanto, kaj estus grave, ke laŭeble multaj esperantistoj-vegetaranoj partoprenu ties venontan kongreson. — Vespere estis denove kantado, la ĉeestantojn distris s-ano Sládeček per kantoj kaj projekciado.

29. de Julio: Tuttaga ekskurso al Toruń, — vespere s-ano Fettes projekciis pri Nova Zelando belegajn bildojn, ankaŭ pri esperantistaj vegetaranoj en diversaj landoj.

30. de Julio: Denove laborkunsido, post ioma diskutado prelegoj fare de s-ino Veŝkova pri la vegetara kunveno en la Bulgara Esperanto-Kongreso en Plovdiv, kiun ĉeestis 60 membroj-

vegetaranoj kaj kie prezidis s-ano Minkov el Proslav, el la iama Vegetara Kolonio. Poste prelegis s-ino Halina Taras pri Leo Tolstoj, unua Prezidanto de nia vegetara organizaĵo en 1908. Post tiu prelegis s-ano Balejík, post li s-ano Trombik legis prelegon de prof. Sieradzki, sekvis prelego de bulgara bestkuracisto D-ro Gregorov, interesa, poste s-ano Fettes faris proponon, koncerne venontan estraron de TEVA kaj fine s-ino Koopmans deklamis belan poemon de poetino Nelly Verlee. — Post tagmanĝo estis ekskurso al Bydgoszcz, reveno nokte.

31. de Julio: Frumatene ekskurso al Gdańsk kun malagrablaĵoj, kaj tien kaj revenante difektiĝo de la aŭtobuso, pro tio malfruiĝo, post noktomezo ni estis ĉe la stacidomo en Inowrocł aw, — atendado, — perdita tago kaj nokto, — je la 4a horo plejmultaj vojaĝas al Varsovio kaj hejmen...

Proverbo diras: Se fino bona, — ĉio bona. — Bedaŭrinde ni tion ne povis diri, — sed ni multe spertis, ankaŭ rilate organizadon. Estonte nia Kongreso devos esti multe pli frue kaj pli intense organizita. — Ĝi povos okazi en Hungario aŭ Ĉeĥoslovakio, se estos kondiĉoj kaj organizantoj, — sed ĝi estu ne turisma afero, sed kunveno de vere esperantistaj vegetaranoj, — *aktivaj membroj* de TEVA.

Laŭ notoj de vl-sl kaj vi-ko

---

Kortuŝite ni anoncas forpason de nia fidela kunlaboranto kaj longjara bona amiko, s-ro St. Leibicser en Žilina, Slovakio, ĈSSR; kiel ni jam notis en la Indekso.

Ankaŭ alia bona amiko mortis en ĈSSR: s-ano Emil Dudek en Pustá Rybná, 81-jara; kaj en Bulgario la fidela edzino de nia amiko, abelisto St. Minĉev el Zahari Stojanovo.

Al la familianoj ni sincere kondolencas.

---

La unua kondiĉo por enkonduki religion en vivon, estas amo kaj kompatemo al ĉio vivanta.

(Fo-Pen-Ching-Tzi-King)

## MIA MESAĜO AL LA TEVA-KONGRESO EN BYDGOSZCZ — 1980

Karaj Geamikoj,

gravaj kialoj ne ebligis al mi, esti nun inter vi. Tamen en miaj pensoj mi estos kun vi, inter vi, kaj mi petas vin pere de tiuj ĉi vortoj kaj per voĉo de la leganto de tiuj ĉi vortoj, ke vi afable ankaŭ estu enpense kun mi, kaj ke vi afable ekceptu miajn vortojn. Mi parolos koncize, kvankam mi havus multe, por diri al vi.

Mi salutas vin ĉiujn elkore kaj sincere, kaj mi petas vin, estu afablaj ekstari nun por unu minuto, kaj kune kun mi rememori ĉiujn niajn karajn forpasintojn, — niajn mortintojn, kiuj ne estas jam inter ni... Honori tiel ilian memoron kun deziro, ke ili ripozu en paco...

Dankon! — Nun mi petas vin, ke vi afable dediĉu atenton al miaj vortoj, kiuj estos koncizaj, sed gravaj:

1) Nia ĉefa tasko estu: plifortigi TEVA-n! — Bonvolu rememori kaj konsideri miajn vortojn, kiuj estis en EV-26a, — mi ne scias: *kial*, sur la 17a paĝo, kaj ne pli antaŭe, — pri la fiaskiĝinta "Renkontiĝo" en Magliĵ — Bulgario, al kiu mi veturis, sed vi ne... En tiuj vortoj mi diris gravajn principojn por nia kara TEVA, kies sorto fariĝis mia kor-afero. Mi akcentu nun ankaŭ: elkrei fortan TEVA-n, — vere fortan kaj unuecan, pere de bona organiza reto, bazita je la Landaj Reprezentantoj.

2) Ju pli frue atingi la nombron de almenaŭ 50-o da Landaj Reprezentantoj

3) Pere de tiuj klopodi *altigi* la nombro de niaj Membroj, por fariĝi *almenaŭ* kelk-mil-membra organizaĵo, kiu iam *ion* povus signifi en la Esperanto-Movado, ĉar kun kelk-cento de Membroj ĝi signifas nemulte. — Ĉi tie memoru: nia Estraro ne estu generaloj sen armeo, — sen soldatoj! — Ni havas en nia titolo vorton "Tutmonda"... Tutmonda organizaĵo devas havi almenaŭ kelkmilon da Membroj, — sed post bona kaj serioza reorganizado de TEVA, ni povas havi kelk-dek-milojn! — Jes, pripensu, ke ekz. nur en tia lando, kia estas Sovetunio, ni povus havi kelk-mil membrojn! — do tutmonde kelk-dek-milojn! — Sed la ĉefa plej unua tasko estas: reorganizado ekde la Estraro, plinombrigo de la funkciuloj, ĉar ju pli da personoj aktivados, des pli da rezultoj

ni povos atingi! — Ekde la komenco, fakte jam pli ol dek jarojn, mi mem — unusole laboris ĝis ioma tempo. — Nuna nia Estraro envere konsistas el tri personoj, — ni ĉiuj plenumas kelkajn funkciojn, — ĉu vere bone, pri tio ni devas tre sincere — silenti... Tamen ni faris, kion ni povis, kaj *kiel* ni povis!

Do la nepra solvo estas necesega! — Tial

4) Elektu pli da personoj en la Estraron, — por la estraraj funkcioj, — ekz. estu 2-3 Vic-Prezidantoj, kun difinitaj agadsferoj, same 2-3 Sekretarioj, krom la Ĝenerala Sekretario, — el tiuj ankaŭ ĉiun kun difinita funkcio, krom helpi al la Ĝenerala Sekretario.

5) Se mi restus la Prezidanto, tiam iu alia estu la Redaktanto, ĉar ambaŭ funkciojn longe jam mi ne povus bone plenumi, — jam nun ili estas por mi multe, — kaj male: se mi restus la Redaktanto, alia persono estu la Prezidanto. — Rilate mian personon, certe vi trovos novan, *pli bonan* solvon, — eble eĉ pli junan kaj pli kapablan personon, por miaj ĝisnunaj funkcioj, — Kompreneble mi deziros resti ĉiam en intima kunlaboro kun TEVA.

6) En grandaj landoj krom la Landaj Reprezentantoj *nepre necesas* havi Perantojn por la unuopaj partoj de tiaj landoj, — en kiuj mem ni povas havi kelk-mil Membroj, kiel Sovetio, Amerikoj, — ankaŭ en Bulgario, krom la Aziaj landoj, — ja Bulgario estis kaj estas lando de miloj da vegetaranoj! Tie unusola persono, la Reprezentanto, ne povas ĉion prizorgi, ĉiujn kaj en ĉiuj partoj de la koncerna lando, — trovi, informi, varbi.

7) Gravega afero estas la *regula* kaj *preciza* aperado de nia Asocia Organo, Esperantista Vegetarano. — En la lasta tempo ni ne povas trovi la certigon de tia aperado. — Pli da homoj kapablas pli multe fari, — do helpu, *klopodu* helpi, — trovi la solvon, la aranĝon! — La 28-a n-ro de Esperanto Vegetarano estis promesita al la 5-a de Julio, sed mi ĝin ankoraŭ ne ricevis, — nek informon, ke la promeso estis vere plenumita. — Tiel statis la aferoj ankaŭ antaŭe, same kun la Indekso. *Tiel* ni ne povos progresi en niaj strebadoj, — ni bezonas regule, precize labori, — "fosi nian sulkon", al la celo: krei fortan, *vere tutmondan* organizaĵon, — laŭ la ideo kaj principoj, kiujn difinis la fondintoj de nia Organizaĵo: Zamenhof, Tolstoj kaj aliaj, kaj kiujn mi strebadis ankaŭ efektivigi, realigi.

Karaj Geamikoj, — ĉe la komenco de miaj Vortoj mi petis vin: rememori niajn karajn mortintojn. — Ĉe la fino de tiu ĉi mia Mesaĝo mi petas vin, nun rememoru tiujn, kiuj ne estas dum tiuj ĉi tagoj kun vi, inter vi, kvankam ili tre ŝatus, — kiel ankaŭ mi... Jes, enpense mi estas precipe nun, dum tiuj ĉi tagoj inter vi, — ja TEVA estas vere mia kor-afero, kaj krom tio siatempe mi *promesis* al iama gvidanto de TEVA, antaŭ lia morto, ke mi zorgos pri la plua ekzistado de TEVA... kaj mian promeson mi volas plenumi. Espereble vi komprenos min, kaj helpos al mi, por ke mi povu vere konscience plenumi mian promeson, sed ankaŭ mian taskon, — mian kor-aferon.

Jes, mi estas kun vi, inter vi, kaj mi elkore, sincere deziras al vi ĉiuj fruktodonan traktadon kun bonan rezultoj en via agado por nia TEVA, kaj en via privata vivo, — kaj ĉefe: bonan sanon pere de vegetarismo en laŭ-natura viv-maniero, kun sana korpo kaj menso.

Amike kaj sincere via:

Ernesto Váňa.

---

**MESAĜO DE LA SEKRETARIO**

Vi jam legis la mesaĝon de nia prezidanto (se ne, bonvolu tuj fari tion!) kaj vi do scias ke mankas al ni ne membroj sed laborantoj.

Pro tio ni ĉiuj suferas; nia prezidanto havas belan vizion pri la estonteco de TEVA, sed siaj taskoj kiel redaktanto de EV malpermesas ke li plenumu ĝin; same, mi mem ne havas tempon fariĝi bona sekretario pro miaj taskoj kiel eldonanto (kaj pro alia laboro por vegetarismo kaj Esperanto).

Esti Esperantisto, esti vegetarano, tio ne sufiĉas se novaj Vegetaraj Esperantistoj ne estiĝas; faru al vi do la demandojn: "Po kiom da minutoj ĉiusemajne mi laboras por internacia vegetarismo? Ĉu tio sufiĉas?" Tiam vi informu nin pri la respondoj.

Jen grava dato por via kalendaro: de la 22a ĝis la 31a de julio, 1982, okazos, en Ulm, FRG, la 26-a monkongreson de la Internacia Vegetara Unio; tio estas tuj antaŭ la 67-a UK. Se sufiĉe da homoj petas la uzadon de Esperanto ĉe la IVU-kongreso, ĝi estos la tria oficiala lingvo dum tiu grava okazaĵo. Bonvolu pripensi tion, kaj informu min se vi estas preta helpi nin atingi tiun dezirindan rezulton.

C. F.

## NI NE RABU TERON!

*(Prelegis la aŭtoro en Inowrocław dum TEVA-Kongreso, 1980)*

En niaj vegetaranaj rondoj ni ofte aŭdas aŭ legas esprimojn pro la sanaj kaj humanaj aspektoj de vegetarismo. Sed nunaj problemoj de la homaro atestas, ke same grava, se ne pli, estas la aspekto ekonomia.

Ni ofte legas en gazetoj kaj en popularaj aŭ fakaj revuoj artikolojn, en kiuj la aŭtoroj esprimas zorgojn pri la estonteco kaj demandas, kion fari por certigi prosperon al nombre kreskanta homaro. Ni legas prognozojn pri la estonta mondo, kiam la homaro atingos nombron unu, du aŭ tri miliardojn pli altan, ol estas nun.

Sed laŭ ĉio, tiuj prognozoj kaj demandoj ne estas sufiĉaj. Ni devas demandi, kion ni faru jam nun por la tempo, kiam la homaro esto kelkoble pli nombra ol nuntempe. Ekzemple, ni nun povas nur konstati, ke se la homaro atingos la nombron de 30 miliardoj, la socia vivo tiam tutcerte aspektos alie, ol ni hodiaŭ povas imagi al ni.

Ni povas nun al ni imagi nur la tre malfacilan vojon dum la homara kresko al tiu ĉi estonta nombro. La malfacilaĵojn povos pli profundigi la daŭra diferencigo inter riĉeco kaj malriĉeco, inter sataj kaj malsataj homoj, kio eĉ povos gvidi al grandegaj ekstermaj militoj, por ke la homaro neniam atingu tiun ĉi nombron.

Se tamen la homaro atingos la menciitan nombron, laŭ vidpunktoj de nuntempaj vegetaranoj la homaro aŭ tre suferos pro malsato, aŭ ekestos nova kanibaleco, aŭ... la homaro devos resti, plejparte aŭ tute, vegetarana. Kiam la homaro estos tiel ĉi nombra, ne restos plu loko por bestoj kiel objektoj de homa nutrado, ĉar la kampoj ne plu kapablos doni nutraĵojn tiel malracie.

Do, la vegetarismo havas estontecon, kvankam la nuna homa societo ignoras ĝin kaj blinde fidas nur je la progreso de la scienco kaj teĥniko. Ni vegetaranoj estas hodiaŭ konsiderataj nur kiel revantaj hobiistoj, kiujn oni ne bezonas konsideri serioze.

Sed ni observu la hodiaŭon pli proksime. Multaj ŝtataj estraroj serioze klopodas certigi al la popolo bonan vivon sen malriĉeco kaj malsato. Tiuj klopodoj en diversaj landoj evidente alporta-

das sukcesojn. Sed estas ĉi tie ankaŭ la negativaj faktoroj de industriaj klopodoj. Kreskas la malpurigo de nia Tero, formortadas multaj specoj de animaloj. Multaj civilizaj sukcesoj jam atingis, eĉ trapasis bezonatajn limojn kaj kaŭze de tio malsaniĝas la Tero. La tiel nomataj civilizaj malsanoj kapablos mem reguligi la kreskon de la homaro, se ili atingos certan gradon.

Neniu volas esti la objekto de tia reguligo, kaj tamen multaj homoj malzorgas pri tio, kiel estos morgaŭ. Ili volas "vivi" per troa manĝado, troa trinkado, fumado kaj tiel plu. La viando, ĝia konsumado, ludas en tio ĉi unu el ĉefaj roloj. Ekzemple, en nia lando Ĉeĥoslovakio, la konsumo de viando atingis pasintjare la nivelon de 83 kg-oj por persono jare. La konsumo pluen kreskas kaj dum la venontaj jaroj ĝi certe atingos 100 kg-ojn. Se ni iras sabate kaj dimanĉe preter niaj loĝ-domoj, ni aŭdas koncerton, similan al afrika tam-tamado, ĉar niaj karaj hejmaj mastrinoj kutime regule tiam preparadas la porkajn tranĉaĵojn, tiel ŝatatajn en Meza Eŭropo, kiuj estas mondvaste konataj kiel "Wienerschnitzel". Vere, mezeŭropano tre ŝatas ŝniceletojn kaj de tio kaj de bona mezeŭropa biero li tre "bone" aspektas, tiel-dire "preta por la tranĉilo de buĉisto". Modela konsumobjekto por la estontaj kanibaloj.

La nuna evoluo de societa vivo, multflanke malracia, malŝpara, gvidas al tiel nomataj materialaj, energetikaj kaj mondvaste nutraĵaj problemoj, kaj estas mirinde, ke netute helpas al ni kontraŭ tio eĉ la grandioza progreso de la scienco kaj teĥniko kun ĉiuj siaj miraklaj atingaĵoj, kiel ekzemple laste la kosmaj. Ni eĉ laŭ tio povas imagi al ni la konkludon de antaŭvida, dure reala ekvacio: "*nulaj materialaj fontoj egalas al nulaj sciencteĥnikaj kapabloj*".

La scienco kaj teĥniko ĝis nun plejparte nur rabis la teron. La proksimiĝo al la plena signifo de tiu ĉi ekvacio estas en la hodiaŭa stato evidenta.

Do, ni ne rabu nian planedon, la patrinon Teron! Ni ne ekspluatu nian praidaron nur pro tio, ke ni povu hodiaŭ malŝparegadi, prodigi! Se ni sentas respondecon por niaj infanoj kaj nepoj, ni sentu ĝin ankaŭ por ilia idaro kaj praidaro!

Ni povus vivi multflanke racie sen tio, ke ni sentus nin malriĉuloj. Bona ekzemplo por klarigi la problemon kaj eliron el la san-

rilataj kaj ekonomiaj malfacilaĵoj, estas la konsumado de viando.

En diversaj mondaj partoj oni konstatas diversajn nivelojn de viando-konsumado: altan, kiel sekvon de ekonomia kaj industria evoluo, malplialtan kaj tute malaltan pro diversaj kaŭzoj, kiel ekzemple pro ekonomia malprospero de koncerna mondparto, aŭ ĝi povas esti normala vivkutimo. Kaj ni kun miro vidas, ke en iuj landoj, kie estas malalta viandkonsumado ne pro malprospero, sed laŭ tradicio, en tiuj landoj la popolo vivas tamen plenan vivon kaj sen tiel nomataj civilizaj malsanoj. El tio ni povas konkludi, ke por plena societa kaj ekonomia vivo sufiĉas pli malalta konsumado de viando, ol estas nun praktikata en evoluintaj, industriaj landoj. Neniu povas pruvi, ke la kresko al altnivela societa vivo dependas de la kresko de viandokonsumado. Male, ni vidas, ke multaj homoj, relative malriĉaj, manĝas multe da viando, multe fumas, eĉ multe drinkas. Do, ne ĉiam ekzistas rekta korelacio inter troa viandokonsumado kaj homa bonstato. Ni povas bone, eĉ lukse vivi sen viando, aŭ mizere kun ĝia troa manĝado.

Klopodante pri la forigo de diversaj nedezirataj vivakompanaĵoj, oni ankaŭ povas, kaj jam por proksima estonteco eĉ devas, starigi praktikan maksimumon de viandokonsumado, ne nur el la vidpunkto vegetarana, sed ankaŭ de la viandokonsumantoj. Se ili serioze kaj ĉiuflanke prudente esploros la pozitivajn kaj negativajn flankojn de la konsumado, ili devos veni al ekkono, ke por bona, eĉ luksa vivo, sufiĉas viandokonsumado ne pli alta, ol ekzemple de 50 kg-oj persone-jare. Estus bone pripensi la aferon en tiuj landoj, en kiuj oni tiun ĉi konsumnivelon superas. Estus bone pripensi tion por pli bona sano, por pli facila ekonomia stato kaj por pliproksimiĝo al la naturo.

La mondo nun ne estas sufiĉe prudenta dume, kiam ekzistas la problemoj ne nur kun nafto. Ni vegetaranoj estas de multaj homoj primokataj. Sed la nuna tempo kun diversaj problemoj atestas pri tio, ke ni ekpaŝis la ĝustan vojon kaj ke nia hodiaŭa vivmaniero estas la vivmaniero de la morgaŭo.

Rudolf Balejík, Ĉeĥoslovakio

---

Scii, kio estas prava, kaj ne fari tion — signifas kuraĝo-mankon.

(Konfuceo)

## DU GRANDAJ DONACOJ

*(Prelegis la verkisto dum Kongreso de TEVA, 1980)*

Ni devas esti dankemaj, ke ni ricevis du donacojn: Vegetarismon kaj Esperanton. Iam homoj ne sciis, ke estas eble vivi sen viando. Se ni vivas en harmonio kun kreitaĵoj, ni havas pacon internan. Biblio jam skribas: Regu la bestojn! Sed ne skribas: Mortigu ilin! Al ni estas donita de ĉiam verdaĵo. Vegetarismo estas pli ol porti la pacon inter homoj. Biblia: Estu perfekta signifas el origina vorto finitan homon, pli harmonian homon. Artisto povas fari belan objekton el peco de ligno, iamaj hebreoj faris el unu peco sepkandelan kandelingon. Multon ni povas fari, se ni estas perfektaj. Sed kion fari, se unu ne komprenas la alian?

Eltrovaĵo de Zamenhof ebligas al ni vivi, kompreni. Esperanto estas ofte uzata nur kiel hobio. Se ĝi estus uzata serioze, tial ĝi jam longe disvastiĝus. Oni diras, ke junularo ne alvenas inter ni. Kion ni faris por ili?

Dum junaĝo mi vidis blindan aĝulinon. Mi proponis mian helpon. Ŝi kaptis mian brakon kaj gaje ni transiris la straton. Dumvoje ŝi demandis min, ĉu mi rimarkis ŝian verdan stelon. "Tio estas Esperanto, lingvo, kiu ebligas al vi paroli kun homoj el tuta mondo. Lernu ĝin". "Mi ne havas tempon por lerni," mi diris. "Do elkreu simple la tempon por lerni Esperanton". Mi agis tiel kaj nun mi estas feliĉa, ĉar Esperanto alportis al mi riĉajn belajn travivaĵojn. Poste mi renkontis mian fiancon, kiu fariĝis mia edzo. Ĉar mi ne nur amis, sed ankaŭ estimis lin, pro tio ankaŭ mi fariĝis vegetaranino. Ni interkonsentis: se ni havos infanojn, ni donos al ili en lulilon tiun karan heredaĵon: Esperanton kaj vegetarismon.

Ni havis kvar infanojn. Ĉiuj denaskaj esperantistoj kaj vegetaranoj. Unua vorto ilia anstataŭ "mama" estis "kara". Niaj gekonatuloj avertis nin, ke ni ne instruu al ili Esperanton, ĉar ili poste ne estos kapablaj paroli nacian lingvon. Sed ni legis en Esperanto-gazetoj pri aliaj spertoj de aliaj homoj, kiuj parolis de komenco kun siaj infanoj Esperante. Tute ne gravas, se ambaŭ gepatroj parolas kun infanoj Esperante. Komence infanoj miksas la lingvon. Ekde la sesa jaro ili jam bone distingas lingvojn, vortojn. Poste ili bone lernas.

Ni plendas, ke ni ne havas junularon. Nur malmultaj kun siaj

infanoj dekomence parolas Esperante. Estas necese paroli kun ili. Spertu ankaŭ inter viaj nepoj. Ni instigu ilin paroli almenaŭ dum manĝo malrapide, simplajn frazojn, ili facile lernos, se ni ĉiutage ripetados. Jam Zamenhof diris, ke hereda lingvo havas estontecon.

Ni havas eĉ amuzajn spertojn: Kiam nia trijara filino salutis internacian kongreson, ŝi komencis paroli nederlande, ŝi supozis, ke Esperanto estas nia familia lingvo kaj nederlanda estas la lingvo por aliaj homoj.

Al niaj infanoj ni donis esperantistajn nomojn: Donita, Estubenata, Feliĉa. Al filo ni donis nomon Espero, sed oficistoj ne permesis tion por knabo, ili skribis Esperant, sed tamen hejme ni vokis lin Espero. Nun niaj gefiloj estas jam maturaj, havas siajn infanojn, ni estas avoj, sed feliĉaj kaj kontentaj, ke ni faris ion bonan kaj utilan dum nia vivo. Ankaŭ ĉe ili estas videbla reciproka amo kaj estimo al ĉio viva.

Vere, miaj geamikoj, kiuj ĉeestis la Kongreson, miris, kiel bele vivas kaj parolas la geedzoj Koopmans inter si, eĉ post tiom da jaroj de komuna vivo ili estimas unu la alian. Amikoj komisiis min demandi ges-ojn Koopmans, ĉu ili iam kverelis dum sia komuna vivo. Mi tute ne-intime, mi opinias, kaj eĉ iom neĝentile demandis ilin pri tio kaj ges-oj Koopmans kun rido respondis: "Jes, kaj multe, sed tio ĉio apartenas al la vivo kaj ĉiam devas venki la prudento kaj la koro".

Jelly Koopmans, Nederlando laŭ notoj de Vlado Sladeček (CS)

---

*En arbaro vivas sub tendo* sveda viro Karl Vilheim Lundholm proksime al Stokholmo jam dek jarojn. Li asertas, ke moderna homo mortas antaŭtempe pro tio, ke li vivas en "betona skatolo"... Lundholm loĝas somere-vintre en simpla tendo, nutras sin per vegetara manĝaĵo, kaj li estas preskaŭ 80-jaraĝa. — Ĉu niaj karaj svedaj geamikoj povus ion pli multe pri li al ni skribi?

*Diabla eltrovaĵo* estis la naztuko, kiu aperis en la jaro 1600 unue en Germanio, de kie ĝi poste rapide disvastiĝis en tuta Eŭropo, sed ne ĉiu povis ĝin uzadi. Ekzemple la estro de Saksoj malpermesis tion severe al la loĝantaro de Dresden, kaj rajtigis uzadi naztukon nur al nobelaro.

(Vaško)

Fariĝu Fakdelegito por Vegetarismo ĉe UEA, — petu informojn, vi helpos tiel al ni kaj subtenos nian movadon!

## VEGETARANOJ DE LA FEREPOKO

La 8-an de majo 1950, danaj laboristoj, elfosante torfon en la torf-marĉejo Tollund, 10 km. oriente de Silkeborg en la norda Jutlando, malkovris kadavron en tre bona stato. Ĝi kuŝis 2,5 -3,0 m. sub la surfaco de la torfo; la kapo estis direktita al la okcidento kaj la vizaĝo al la sudo; la trunko kuŝis sur la dekstra flanko kvazaŭ en dorma pozicio. Nature, la torf-fosistoj tuj informis la policon pri la trovaĵo, sed post zorga esploro, oni konstatis, ke ne temas pri iu lastatempa murdo, kiu povas inspiri sensaciajn artikolojn en la lokaj ĵurnaloj.

La enigmo de la kadavro en la torfejo — konata kiel la viro de Tollund — estis rapide solvita kun la helpo de scienculoj. Arkeologoj bone konas tiuspecajn homajn restaĵojn venantajn el similaj ĉirkaŭmedioj en Danlando kaj ankaŭ aliaj nordeŭropaj landoj, kie ekzistas marĉejoj kun ekonomie valoraj, ekspluatataj tavoloj da torfo. En alia marĉejo proks. 18 km. oriente de Tollund, estis malkovrita simila trovaĵo, la viro de Grauballe. Por ne doni impreson pri seksa diskriminacio, estas menciinde, ke ankaŭ virinaj kadavroj aperis de sub la ŝpatoj de torfistoj, unu ĉe Haraldskjaer, marĉejo en Danlando, kaj alia ĉe Windeby en Ŝlesvigo-Holstinio.

La fakuloj, al kiuj la policanoj enmanigis la kadavrojn post sia rutina esploro, tuj identigis la enterigitojn kiel homojn vivintajn antaŭ pli-malpli 2000 jaroj dum la prahistoria kultur-periodo nomata la Romia Ferepoko, kiu en la norda Eŭropo ampleksas la jarojn 100 a.K. - 500 p.K.

Antropologoj observis, ke la plej rimarkinda trajto de preskaŭ ĉiuj kadavroj estas ilia tre bona stato: haŭto, hararo kaj ostoj havis la samajn formon kaj teksturon kiel sur vivanta korpo. Kaj kio estas eĉ pli interesa, ankoraŭ restis internaj organoj. Kemiistoj klarigas, ke la bona konserviĝo rezultis de daŭra mergiĝo de la kadavroj en marĉej-akvo saturita de fero kaj ne tro fortaj acidoj.

La portreto de la viro de Tollund, kiu ilustras plurajn arkeologiajn fakverkojn, montras, ke li estis bone razita krom ĉe la mentono kaj supra lipo, kie restis stoplobarbo. Lia hararo estis tranĉita mallonga. Surkape estis pintforma, kunkudrita leda ĉapo, kaj ĉirkaŭ la talio li portis glatan zonon el felo.

Kun la escepto de tiuj vestoj, li estis tute nuda. Ankoraŭ unu objekto troviĝis sur la korpo de la Tollund-viro kaj same sur la viro de Borre-marĉejo: ŝnuro. Ĝi estis formita per du intertorditaj ledaj rimenoj iom pli ol unu centimetron larĝaj. Tiu ŝnuro, kiu mezuris 1,7 m., sed estis tranĉita de pli longa peco, ĉirkaŭis la kolon de la mortinto en la formo de maŝo. Fakuloj pri jurmedicino, ekzameninte la pozicion de la ŝnuro, tiris la konkludon, ke la morto de la viro de Tollund estis kaŭzita de pendigo kaj ne strangolo. Aliaj ferepokaj marĉej-enterigitoj, kiuj ne havis ĉirkaŭkolan ŝnuron, estis mortigitaj alimaniere. Al la viro de Grauballe oni tranĉis la gorĝon; la virino de Haraldskjaer estis palisumita en la marĉejon, dum ŝi estis ankoraŭ viva; la restaĵoj de aliaj virinoj montras rompitajn ostojn, frakasitan vizaĝon aŭ skalpitan okcipiton.

En la unua tempo arkeologoj interpretis tiujn perfortajn agojn kiel punojn, kiujn ricevis krimuloj fare de administrantoj de justico en la tiutempa socio. Tamen, pli profunda antropologia studo de la fizikaj restaĵoj, ĉefe la internaĵoj, estigis tute novan hipotezon: la marĉejanoj estis oferviktimoj.

Kiel menciite, dank' al la bona konserviĝo, internaj partoj de la homa korpo estis ekzameneblaj — ne nur la koro, pulmoj kaj hepato, sed ankaŭ la tuta nutrokanalo kaj ties enhavo! Tiuj ĉi substancoj havas specialan intereson por paleobotanikistoj, kiuj volas akiri donitaĵojn pri la nutrado de skandinaviaj ferepokanoj. La lasta manĝo de la viro de Tollund ankoraŭ troviĝis en lia stomako, dika kaj maldika intestoj. Mikroskopa analizo malkovris, ke la intesta enhavo konsistis el miksaĵo de subtile pulvorigitaj restaĵoj de plantoj kaj eroj de semoj. Ili sendube estis preparitaj en la formo de densa kaĉo, kiu estis normala parto de la dieto en la frua Ferepoko ĉe la komenciĝo de nia erao. La ĉefaj ingrediencoj estis la kultivaĵoj hordeo kaj linsemoj, al kiuj estis aldonita tuta aro da herbaĉo kreskanta sur plugita grundo. La neordinara kvanto da certaj specioj indikas, ke ili estis intence kolektitaj, dum aliaj sovaĝ-vegetaĵoj estis nur hazarde kunmetitaj kun ili.

La enhavo de la nutrokanalo de la viro de Grauballe same atestas, ke ankaŭ li estis vegetarano, almenaŭ la lastan tagon de sia vivo. Lia kaĉo estis eĉ pli varia miksaĵo ol tiu de lia najbaro el Tollund. Ĝi enhavis entute 63 diversajn grenojn — ĉiujn jam tro-

vitajn en la kaĉo de la viro de Tollund kaj ankoraŭ pli da specioj. Inter ili estis rumekso, sovaĝ-konvolvulo, kamomilo kaj sovaĝkamomilo, trifolio, lolherbo, kenopodio, ranunkolo, dolĉamaro, akileo, spergolo kaj spelto.

En ambaŭ kaĉoj mankis spuroj de someraj aŭ aŭtunaj fruktoj kiel fragoj, rubusoj, framboj, pomoj kaj rozberoj, kaj ne estis verdaĵoj. Laŭ la interpreto de botanikistoj, tio signifas, ke la marĉej-viroj mortis vintre aŭ fruprinteme, antaŭ ol ĉiuj vegetaĵoj burĝonis. Sekve, arkeologoj konjektas, ke la viktimoj estis mortigitaj okaze de mezvintraj solenaĵoj, kies celo estis plirapidigi la alvenon de printempo. Tiuj eventoj estis la kulmino de homoferado dum la Ferepoko.

Ĉu, do estas sufiĉe da atestaĵoj por aserti, ke la nordeŭropaj ferepokanoj estis vegetaranoj? Verŝajne ne. Kvankam la stomakoj ne enhavis viandon je la tempo de morto — ne estis rekoneblaj spuroj de ostoj, tendenoj aŭ muskola histo — estas sciate, ke fiŝo kaj viando certe estis manĝataj, ĉar ili estis lasataj en bovloj kun manĝilaro en tomboj. Cetere, la dentoj de la viro de Grauballe, estante en tre malbona stato pro erodado, indikas, ke lia dieto ne estis ekskluzive vegetaĵa. Tamen, kiam grenoj aŭ aliaj vegetaĵoj estas muelitaj per ŝtonaj mueliloj, eroj da ŝtono miksiĝas kun la muelitaĵoj. Preskaŭ ekskluziva dieto de tiaj muelitaj vegetaĵoj ne havas bonan efikon sur la dentojn.

Plej probable la homoj elektitaj kiel oferviktimoj ricevis specialan manĝon konsistantan el semoj de sovaĝaj kaj kultivitaj plantoj de la regiono antaŭ ol ili, per la morto, estis konsekritaj al la dioj, kiuj regis plukreskadon sur la Tero. Ĉiuj indikoj apogas la konjekton, ke la marĉej-enterigoj ne apartenas al la praktiko de normala sepultado, sed havas trajtojn de oferaĵoj. Same kiel aliaj specoj de oferaĵoj deponitaj en marĉejojn, ankaŭ la kadavroj estis propraĵo de la dioj.

Rekonstruante la religion de la Ferepoko, arkeologoj supozas ke okazis rita edziĝo inter la marĉejanoj kaj la fekundec-diino, kaj tio finiĝis per la morto de la homa partoprenanto. La oferitaj homoj havas delikatan vizaĝtrajtojn, kaj iliaj manoj kaj piedoj ne montras eluzadon, kiu povas rezulti de peza laboro, kiel tiuj de kamparanoj kaj soldatoj. Eble ili estis membroj de la supraj klasoj aŭ altranguloj en la socio.

Se ili ne estis dumvivaj vegetaranoj, oni tamen povas diri, ke almenaŭ la tagon aŭ duotagon antaŭ sia foroferado al la printempa diino, ili fariĝis simbolaj vegetaranoj.

Bernard Golden, Hungario

---

**POR NIA KUIREJO**

*Omleto milia:* (recepto por 4 personoj)

Bezonataĵ: 4 ovoj, 6 tomatoj, 4 cepetoj, raspita fromaĝo, petrosel-folioj, bazilio aŭ majorano, salo, oleo, 30 dkg da milio.

Kuiri la milion, kiel kutime je kaĉo. Tranĉu intertempe la cepetojn je ringetoj kaj fritu ilin en oleo delikate kaj elprenu ilin. Miksu la ovojn kun iom da salo. Varmigu oleon en por ĉio konvena kaserolo, enverŝu la ovojn, antaŭ ol tiuj malfluidiĝus, aldonu la milion, sur tiun senŝeligitajn kaj delikate tranĉitajn tomatojn je rond-platetoj, sur tiujn la cepringojn, aldonu la bazilion, surŝutu la raspitan fromaĝon, kovru la kaserolon kaj baku ĉion dum proksimume dek minutoj milde. Poste kontrolu, se la fromaĝo fandiĝis kaj la kaĉo estas bonodore bakita, aldonu la delikate tranĉitan petroselon kaj surtabligu.

El Zonnestraaltje-Sunradieto tradukis O. Landheer v/d. Vies

*"Vianda" supo el kukurbo.*

Alaĵoj: (por 4 personoj) Internaĵo kaj semoj el kukurbo, 20 dkg da purigita karoto, 10 dkg da petroselo, 10 dkg da celerio, verdaĵo de petroselo, 2 kuleroj da oleo, kafkulero da muelita ruĝa papriko, eventuale unu verda papriko kaj 5-6 pipro-grajnoj, salo laŭguste.

Pretigo: Ni kuiras ĉion kune en 2 litroj da akvo kovrite ĉe milda fajro ĝis ĉio iĝas mola. Poste filtru duonon da supo, en tiun enkuiru ion laŭplaĉe (ovan paston, aŭ buletojn, ktp.), alverŝu al legomojn kaj surtabligu.

Sendis Gyöngyi Fülöpp, Budapeŝto, Hungario.

Jen la sama "buljono" laŭ "mia maniero":

Alaĵoj kiel supre plus 2-3 terpomoj senŝeligitaj, la muelita ruĝa papriko estu dolĉa, iom da ŝenoprazo kaj majorano, laŭplaĉe cepo kaj ajlo.

Pretigo: ĉion kuiri milde krom internaĵo kaj semoj de kukurbo, duono da papriko kaj ŝenoprazo, duono de cepo kaj ajlo. — *Tiujn* stufi en kaserolo sur butero *krom* la papriko, ŝenoprazo, kun ofta miksado. Kiam la semoj jam ankaŭ estas molaj, donu por momento la paprikon restantan kaj lasu ĝin ŝaŭmiĝi, — poste tuj forprenu la kaserolon de la fajro, trapremu la kukurbaĵojn tra kribrilo, tiun "kaĉon" aldonu al la supo, dispremu en tiu la terpomojn, aldonu la ŝenoprazon kaj verdan petroselon (delikate tiujn pecetigu), surtabligu kaj bonan apetiton, — precipe, se vi enkuiris fine ankaŭ delikatajn ovajn buletojn kun iom da dispremita ajlo kaj erigita majorano, kompreneble laŭplaĉe iomete salitajn kaj pipritajn.

(erva)

## PRI D-RO ALBERT ŠKARVAN

*Kun intereso mi legis la artikolon de B. Golden en la 26a numero de EV pri la "pra-esperantista vegetarano Leo Wiener" kaj ŝajnas al mi, ke inter tiujn "plej unuajn" ni povas envicigi ankaŭ nian D-ron A. Škarvan. — (Tamen al la demando de B. Golden "Kiu estis la unua esperantista vegetarano?" ni konvinke povas respondi: Kompreneble, la aŭtoro de Esperanto, — D-ro Zamenhof! — Kaj al vico de la "plej unuaj" ni aldonu ankaŭ grafon L. N. Tolstoj kun sia sekretario, Viktor Lebrun, pasintjare mortinta, Honora Membro de TEVA. — Noto de la redaktanto).*

Antaŭ 11 jaroj, la 31-an de Januaro 1869, naskiĝis D-ro Albert Škarvan, kiu kun la ruso Evstifejev eldonis en la jaro 1907 la unuan slovakan lernolibron de Esperanto.

Dum siaj stud-jaroj li ekkonis la verkojn de Tolstoj kaj sub ilia influo li fariĝis konsekvenca milit-rezistanto kaj batalanto por la morala renaskiĝo de la homaro: En la jaro 1895 li rifuzis militservi, ĉar tio kontraŭis — kiel li skribis al la superaj militaj instancoj — liajn moralajn kaj religiajn sentojn. Oni lin arestis, sed li sukcesis fuĝi en eksterlandon. — Unue li vizitis sian amatan verkiston-filozofon Tolstoj. En ekzilo li restis ĝis la jaro 1910. Post la reveno hejmen li fariĝis distrikta kuracisto en malgranda slovaka urbeto Bátovce, proksime al Ďudínce.

Komence de la unua mondmilito oni lin arestis kaj internigis en la koncentrejo ĉe Verpelét, en ĉirkaŭaĵo de urbo Eger, Hungario, ĉar laŭdire li asertis, ke la tiamaj malamikoj, rusoj, estas bonaj homoj. Pro manko de kuracistoj li fariĝis tie en la koncentrejo kuracisto kaj same ankaŭ por la vilaĝo Verpelét.

Sub influo de la verkoj de Tolstoj li fariĝis jam en sia junaĝo ankaŭ konsekvenca vegetarano pro moralaj kaŭzoj, — kiel li diradis. — Nun en Verpelét li ricevis taŭgan ĝardenon kaj li mem povis por si kulturi la legomojn kaj ĉion necesan por sia vegetarana vivmaniero.

La filo de Škarvan rakontis al mi interesan okazintaĵon el tiu tempo pri sia patro, kiu en tiu ĝardeno kulturis ankaŭ florbrasikon. — En apuda vilaĝo loĝis riĉa, influ-hava bienposedanto, kiu tre ŝatis manĝi florbrasikon. Tiu havis specialan ĝardeniston, kiu kulturis por li la ŝatatan kreskaĵon. Preterpasante la ĝarde-

non de Škarvan, li ege ekmiris, kiam li vidis tie belegajn, grandajn florbrasikojn. — Tiajn ne kapablis kulturi lia fakulo-ĝardenisto. La bienisto tuj petis D-ron Škarvan, ke li instruu la ĝardeniston, atingi la saman rezulton. D-ro Škarvan volonte plenumis lian peton, kaj rekompence la bienposedanto ŝirmis lin kontraŭ diversaj ĉikanoj kaj malagrablaĵoj, kaj ĉiamaniere klopodis plifaciligi la vivon de D-ro Škarvan tie ĝis la fino de la unua mondmilito, ĝis kiam tiu vivis en la internigejo.

**Pavel Rosa, ĈSSR**

---

**GRATULOJ**

Nia simpatia kaj ŝatata gratulbukedo elfalis el la lastaj du n-roj de nia bulteno, do jen, ni nun elkore gratulas al:
s-ano Adolf Mosh en Germ. Fed. Resp., je lia 90a naskiĝtaga datreveno,
s-ano Setälä en Finnlando, al 89a naskiĝtaga datreveno,
s-ino Braütigam en Meissen, GDR, al 83a naskiĝtago,
s-ano Enz en Svislando 83-jariĝis,
s-anoj Simeonov en Sofio kaj Ivanĉev en Reselec, Bulg., 82-jariĝis,
s-ano Janko Kromholc en Bratislava, ĈSSR, 82a datreveno,
s-anino Ruĵa Ĉerneva, Sofio, Bulgario, 81-jariĝis,
s-ino PhMr. Valjanová en Bratislava, ĈSSR, 80-jariĝis,
s-ano J. Resner, Brno, ĈSSR, ankaŭ 80-jariĝis,
s-ano Mudrak en Vieno transpasis la 75-an,
s-ano Poliŝĉuk en Taŝkent, Sovieto, 70-jariĝis,
s-ano Damjanov en Kazanlak, Bulgario, 70-jariĝis.

Ĉi-loke ni bonvenigas en rango *vira* s-anon Sládeček, al lia 50-jariĝo kaj same ĉi-loke ni uzas la raran okazon, povi gratuli al ges-oj Landheer en Aerdenhout, Nederlando, okaze de ilia kara familia festotago: la 35-jara komuna vivo!

Al ĉiuj niaj karaj jubileantoj *jubilante* ni gratulas kaj deziras ĉion la plej bonan, ĉefe sanon bonan kaj daŭran kun ĝojo el la vivo laŭ-natura!

Uzante la saman bukedon kun ties floroj, koloroj, odoro, — ni same elkore kaj sincere gratulas al Marika Györgyi en Pusztaföldvár, Hungario, kiun rimarkis la anoncon en nia bulteno antaŭjare (ĝis nun ĉiuj simile realiĝis!), kaj edzigis s-ron Goeres el Germanio. — Mi gratulas sincere al la feliĉaj gedzoj, kaj nia kutima peto nun direktiĝas al ili, kun espero, ke ni povos al ili same gratuli, kiel nun, jen, al ges-anoj Sládeček en Ostrava, ĈSSR, kiuj — geedziĝinte pasintjare — akceptis niajn vortojn, bonajn instigojn, konsilojn, kaj ne trompis niajn esperojn, ĉar vere nun jam ili povas fieri je fileto Martinĉjo, — do nia kora gratulo al ili, sed ankaŭ rekono pro ilia strebado, — kaj al Martinĉjo ĉion bonan, belan estonton, bonan sanon!

**LETERO DE NIA OCEANA REPORTERO**

Mi estas vegetarano nur depost ses jaroj kaj mi ne havas ĝis nun interesajn personajn spertojn. Mi interesiĝis pri vegetarismo multe pli frue kaj volonte jam en mia juneco estus ŝanĝinta mian vivmanieron, sed pro la cirkonstancoj tio ne estis eble. Kiam mi fin-fine ŝanĝis dieton, mi sentis pliboniĝon en mia sanstato, perdis superfluajn kilogramojn kaj pli optimisme rigardis la vivon. Ekzemple mi tre facile malvarmumis en la pasinteco kaj dum miaj ses jaroj de vegetarano tio ne plu okazis. Tamen ŝajnas al mi ke mi ankoraŭ ne trovis la ĝustan vojon. Estas tiom da diversaj opinioj. Ĉu lakto aŭ laktaĵoj estas rekomendindaj aŭ ne, ĉu ne valorus eviti panon kaj kaĉojn kuiritajn, kaj ĉu terpomoj kiujn oni devas kuiri, estas manĝaĵo taŭga por homoj? Aliflanke oni malkonsilis ovojn pro ilia alta enhavo de ĥolesterolo, tamen ili ankaŭ enhavas lecitinon kiu kontraŭagas ĥolesterolon kaj eksperimentoj montris, ke konsumado de ovoj ne plialtigas la nivelon de ĥolesterolo en la organismo. Sendube prahomoj manĝis ankaŭ de tempo al tempo ovojn, sed ne lakton, panon aŭ terpomojn kiuj krude estas malbongustaj kaj kiujn ili ne povis kuiri pro manko de fajro. Nia nutraĵo devus esti proksimume 80% alkaleca, sed mi konstatas, ke mi tro multe manĝis acidecan nutraĵon. Tio signifas, ke mi devus manĝi pli da freŝaj legomoj kaj fruktoj kaj nur tre malmulte da grenaĵoj, fazeoloj k.s. Ekzemple se mi denove estus sur ŝipo kun kargo da grenoj, mi verŝajne ne plu bakus (kaj ĉu 100% plengrena pano, kiun mi faris, vere estas rekomendinda?) sed mi ĝermigus la grenojn kaj manĝus aŭ pli bone mi plantus la ĝermojn en kesto kun tero kaj manĝus la verdaĵojn, kiel d-ro Ann Wigmore rekomendas. Nu, mi serĉas kaj espereble fine trovos la ĝustan vojon.

Eble post mia emeritiĝo mi havos grandan legomĝardenon. Mi cetere havas belan revon: vojaĝi al tropika lando, ekzemple Suda Filipinoj, por 1- 2-jara restado. Mi jam perŝipe vizitis tiun regionon kaj konstatis, ke estas vera paradizo por vegetarano. Krom la en Meza kaj Suda Eŭropo kutimaj legomoj, kreskas tie abunde tropikaj fruktoj, ekzemple ananaso, mango kaj la fama "frukto de sano" papajo, kiu maturiĝas iam ajn dum la tuta jaro. Oni povas vidi la avantaĝon ĉiam havigi maturajn bananojn kaj aliajn fruktojn rekte de la plantoj. Mi volus tie vivi kiel eble plej nature, loĝi en indiĝena kabano kaj nutri min per fruktoj, le-

gomoj, nuksoj, laminario, ĝermigitaj fazeoloj kaj aliaj nekuiritaj,naturaj manĝaĵoj. Eble mi realigos tiun planon post 1-2-3 jaroj, se nenio malhelpos min. Se mi tro longe atendos, eble tiu paradizo estos detruita pro turismo kun ŝanĝita viv- kaj pensmaniero inter la nuntempe malriĉa, modesta kaj nepostulema loĝantaro.

Kiam mi vizitis tiun malgrandan sudfilipinan havenon antaŭ du jaroj, mi trovis la indiĝenojn tre ĝentilaj, amikecaj, feliĉaj kaj gajaj, kaj ili montris ĉiujn signojn de sano. En siaj budoj etkomercistoj tentadis kun siaj senvaloraj produktoj kiel konservaĵoj, blanka pano kaj kukoj, dolĉaĵoj, Coca- kaj Pepsi-Cola k.t.p. Feliĉe la infanoj ĝenerale ne havas monon por aĉeti tiujn dolĉaĵojn kaj eble ili preferas la mirindajn fruktojn pli bongustaj, ol iu ajn sukeraĵo. Certe oni tion vidas kiam ili ridas kun la buŝo plena de belaj, blankaj dentoj. En la proksima urbo, kie homoj estas pli riĉaj, mi vidis junulojn kun malbonaj dentoj kaj tie laboras dentistoj.

Alia afero: mi ne memoras ke mi vidis iun personon, infanon aŭ plenkreskulon, kiu portis okulvitrojn. Viandaĵojn oni vendis en la urbo, en bazaro kie oni ankaŭ buĉis la bestojn kaj ni aŭdis la teruran krion de la mortigataj bestoj. Sed mi havis la impreson, ke en la urbo nur la plej riĉaj homoj aĉetis viandon. Krome oni manĝis fiŝojn, ankaŭ sekigitajn. Produktoj de sojo estas multe uzataj. — Nu, se ĉio iros laŭplane, kaj mi fine vizitos la Filipinojn, mi tiam certe verkos por E.V. raporton.

Se vi volus, mi eble povus traduki por vi artikolon pri la haŭto, kiamaniere la homo mortigas sin mem per vestaĵoj anstataŭ preni aerbanojn kiel eble plej ofte, kaj pri la sapo kiu efektive estas nesana. Mi mem jam pli ol du jarojn ne uzas sapon por lavi la korpon. "La vera bano de pureco estas la ŝvitbano", laŭ la artikolo. Plej bone estas forte labori kaj ŝviti, sed ne ĉiu povas tion fari, tial restas nur la ŝvitkesto. Mi mem konstruis tian simplan keston, kie mi ŝvitbanas almenaŭ ĉiun duan tagon.

Mi antaŭ nelonge trovis en librovendejo interesan libron "Zimmerpflanzen ohne Erde" verkita de Günther Kûhle (Neumann Verlag). Se vi aŭ iu familano de vi interesiĝas pri tio, mi rekomendas tiun libron, tre facile komprenebla pro la multenombraj bildoj.

T.M. Edvardsen, Pollando

## NIA JARKUNVENO EN STOKHOLMO

Mi multe bedaŭras ke, ĉar mi trovis neniun kiu anstataŭigus min por akompani hejmen tri el miaj junaj lernantoj, mi devis rezigni pri mia jam pagita ĉeesto de la 65-a U.K. De la 38 partoprenantoj de nia jarkunveno mi petas pardonon: ilia perdo estas malpli granda ol mia. Gvidis la kunvenon la sveda reprezentanto de TEVA, s-ro Karlsson, kaj el inter la membraro el dek landoj parolis S-ino Pulli, d-ro Megalli kaj s-ro Simonnet. Nia venonta jarkunveno okazos dum la U.K. en Brazilo, kaj mi invitas al niaj amikoj sudamerikaj ke ili aranĝu pli interesan programon ol mi povis fari en Svedio: denove, pardonon.

C. F.

---

## LETERO EL USONO

Kvankam mi ne povas raporti al vi, ke la vegetara movado en nia lando jam venkis, kaj ke ni jam reprezentas plimulton de la loĝantaro, tamen mi povas diri, ke dum la lastaj jaroj la ideo de vegetarismo multe disvastiĝis ĉi tie, kaj iĝis multe pli facile esti vegetarano, ol nur antaŭ kelkaj jaroj.

En multaj urboj establiĝis vendejoj, en kiuj oni ricevas nutraĵojn, kiujn serĉas vegetaranoj. Tiuj vendejoj estas ofte kooperativoj. Kaj en la plimulto da restoracioj oni ankaŭ facile povas ricevi vegetarajn manĝaĵojn.

Ankaŭ en privataj hejmoj mi rimarkis grandan progreson: antaŭ kelkaj jaroj, kiam ni estis invititaj, kaj la gastigantino sciiĝis, ke ni estas vegetaranoj, ŝi iĝis nervoza kaj ŝi ne sciis, kion prepari por ni kaj ofte ŝi kun multe da peno — fine preparis la plej malĝustajn manĝaĵojn... Sed nun jam oni ne nur ne plu konsideras nin kiel esceptulojn, sed la bona gastigantino tute sen-ceremonie servas belan vegetaran vespermanĝon por ĉiuj gastoj, kaj vere neniun povas plendi, ke oni ne estis kontentigitaj sen viando sur la tablo.

Antaŭ nelonge aperis la nova Raporto al la Nacio pri la sanstato en Usono de nia nova ĉef-kuracisto D-ro Richmond en libra formo sub titolo "Sanaj Homoj" (Healthy People). — En tiu raporto-libro la menciita ĉefkuracisto de la Registaro plendas, ke

la usonanoj manĝas multe da viando, tre multe da animala graso, multe da sukero kaj da blankigita faruno, kaj aliflanke ili ne konsumadas sufiĉan kvanton da freŝaj fruktoj kaj legomoj, da plen-grajna pano, ktp., — unuvorte, li parolas multe pri tio, kion ni, vegetaranoj, jam delonge scias.

Li eĉ postulas en sia libro, ke en ĉiu medicina universitato estu enkondukitaj kursoj pri moderna nutrado kaj pri la interrilatoj inter nutrado kaj sanstato, ĉar ĝis nun — kiel li asertas — la vasta plimulto da kuracistoj ne havas sperton kaj scion pri tio.

Depost pli ol unu jaro mi estas membro en speciala regiona Konsilantaro por plibonigo de sano kaj pri san-edukado, reprezentante konsumantojn. Kompreneble mi ofte devas argumentadi kun kuracistoj kaj hospital-administrantojn kaj reprezentantoj de Sanec-Asekurejoj, ĉar miaj rimarkoj ofte ŝajnas al ili esti tre radikalaj. Sed mi pensas, ke tiu ĉi batalado estas tre necesa en la intereso de la plibonigo de sanstato de nia loĝantaro.

Karl Nell, Rochester, USA

---

**NIA INTERHELPO**

Per akupunktura terapio mi kuracas ĉiusemajne mian 81-jaran patrinon de antaŭ kelkaj jaroj. Antaŭe ŝia hararo entute blankiĝis pro ŝia maljuneco, sed lastatempe la hararo komencis reviviĝe nigriĝi kaj abundiĝi. Ŝi trikadas aŭ kudradas sidante en sia ĉambro preskaŭ ĉiutage. Ŝi ne uzas okulvitrojn por skribi leterojn kaj por surfadenigi kudrilon. Nur ŝia maldekstra gambo malbone funkcias kaj ŝi bezonas helpon de bastono por paŝadi. Nun mi klopodas por liberigi ŝin de tiu bastono. Se mi povus viziti vin, vi povus perdi intereson pri via sukerkurbo kaj laceco, mi opinias.

Japanio estas bela kaj interesega lando, sekve mi malmulte interesiĝas pri vojaĝado eksterlanden, sed mi sopiradas vizitadi miajn korespondantojn pro resanigi aŭ plibonigi ilian sanstaton. Sed tre bedaŭrinde, mankas tempo kaj mono por vizitad miajn geamikojn, kaj abundas laboro en mia hospitalo.

Siatempe mi skribis al vi pri mia terapio per fingropinto. Nun mi kuracadas preskaŭ ĉiujn miajn malsanulojn per ĉi tiu terapio, ekzemple malsanulo je akuta tonsilito, kiu ne povis manĝi pro gorĝ-doloreĝo, povas manĝi tuj post mia kuracado dum 3 minutoj. Ofte mi ŝerceme pensas, ke Jesuo devis esti tre lerta kuracisto per fingropinto-premado, ĉar li kuracadis multajn malsanulojn, tuŝante ilin per sia mano.

Fragmento el letero de Yosiharu Sindo, Japanio
Sendis Benita Kärt, Estonio, Sovetunio

## EL LETEROJ DE NIAJ LEGANTOJ

Ĉiam kun intereso mi legas la artikolojn en EV, kaj mi precipe ŝatus scii ion pri la historio de TEVA, pri ĝia fondiĝo, — kiel fariĝis L. N. Tolstoj ĝia Prezidanto, ktp., ja ankaŭ tial, ĉar mi vivas en regiono kie vivis Tolstoj en Jasnaja Poljana. — Mi sincere deziras al vi kaj el EV prosperon!

Helgi Hromova, Tula, Sovieto

Kelkfoje mi prelegis publike pri vegetarismo en mia urbo, same oni min invitis prelegi en Varsovio, kie fondiĝis nova vegetara klubo kun preskaŭ 100 membroj, kiujn gvidas s-ino Emilia Jakubowska, nova esperantistino. — Espereble baldaŭ multaj de-tie aliĝos al nia TEVA.

Halina Taras, Olsztyn, Pollando.

Gratulojn pro la interesa enhavo de EV! — Estas vere interese legi pri vegetarismo en aliaj landoj kaj pri solvo de diversaj problemoj.

Don Lord, Britanio.

*Neforgeseblaj* estas por mi la tagoj, pasigitaj inter la karaj gekonatuloj dum la Vegetara Kongreso en Pollando. — Kaj la ekrigardo al la maro estas por mi evento de memoraĵo dumviva! — Mi kore salutas ĉiujn, kaj dankas al ili por ilia boneco kaj afableco al mi, ke ili helpis por agrabligi mian ĉeeston kun ili.

Ivana Drbohlavová, Turnov, ĈSSR.

Interesus min, en kiuj landoj en Eŭropo estas vegetaraj organizaĵoj. — Laŭ mia scio nuntempe en mia lando — Hungario — tia organizaĵo ne ekzistas, do ni estas dissemitaj "izoluloj". — Mi fariĝis vegetarano ĉefe pro mia amo al bestoj, sed mi scias, ke multaj estas vegetaranoj pro sano aŭ pro aliaj kialoj. Interesas min receptoj vegetaraj, — jen, mi sendas por EV ankaŭ.

Gyöngyi Fülöpp, Budapeŝto, Hungario.

*Titoloj serĉataj*

Jam kelkaj leteroj venis kun peto, ke ni informu: en kiuj landoj, kiam, kiaj libroj aperis pri vegetarismo aŭ simila temo, en Esperanto aŭ en iu nacia lingvo. — Ni do petas niajn karajn legantojn, ke ili afable informu nin, sendante laŭeble liston de tiaj eldonitaĵoj, — same, ĉu aperis jam, aŭ nuntempe aperadas landa bulteno pri naturaĵ-konforma vivmaniero (vegetarismo, naturismo, ktp.).

Ni anticipe dankas! — La listojn ni sinsekve aperigos.

## KORESPONDEMULOJ

(Jen nova rubriko por niaj membroj)

Kun gevegetaranoj d.k. Niko C. Ŝenderling, Talmastrato 81a, 3038 SN Roterdamo, NL.

Kolektas esperantaĵojn, kaj reciproke sendos poŝtmarkojn, bildkartojn, ktp, Jesus Perez, Grupo Esperanto, Apartado 27.066, Barcellona, Hispanio.

Nepre ne serĉas korespondemulojn (krom pri TEVA-aj aferoj), viaj prezidanto kaj sekretario!

K o r e k t u  af. la preseraroјn en EV-29a jene:

2a paĝo kovrila: en adreso de Ernesto Váňa estu "Ĉeĥoslovakio". Ĉe la tri steletoj finaj vortoj estu "La Ĝeneralan Sekretarion".

4a paĝo: en Vortoj de la Eldonanto, 8a linio, estu "aŭtuno". En la dua alineo 5a linio estu "sur la kovrilo".

5a paĝo: 2a alineo, estu "Alvenis". En la lasta alineo, resp. teksto estu "Sovetunio", resp. "Sovetio". - En la teksto de la 5a linio de malsupre estu la frazo jene: "Bele elparolita saluto nome de agrikultura asocio".

6a paĝo: en 4a linio estu "Vegetarana societo"... En la 6a "esperantistoj-vegetaranoj". - En la 9a: "tagmanĝo kaj ioma"...

7a paĝo, kondolencoj: nomo estas "Leibiczer"

8a paĝo, en 3a punkto estu "nombron", en la sekvanta linio estu "kiu jam"...

9a paĝo, 4a punkto, antaŭlasta linio: "ĉiun" korektu je "ĉiu", en la 6a punkto, tria linio estu: kelk-mil Membrojn, en 7a punkto estu "La 28-a n-ro de Esperantista Vegetarano".

10a paĝo: en 2a alineo, 2a linio estu "bonaj rezultoj", en Mesaĝo de Sekr. 2a alineo, 2a linio estu "liaj taskoj", en lasta alineo, dua linio estu "mondkongreso".

11a paĝo, 1a alineo, 2a linio: ne "pro" sed "pri", en tria alineo, 3a linio, estu "estos".

14a paĝo, 2a linio: ne "verkistino" sed "aŭtorino", en dua alineo, fino de la antaŭlasta linio estu "nin".

15a paĝo: sub la 3a alineo enskribu: Jelly Koopmans, Nederlando, kaj antaŭ la fina alineo estu: "Noto de Vlado Sladeček, ĈSSR."

19a paĝo, en kukurba supo, 2a alineo, en lasta linio estu "la legomojn". (Bedaŭrinde mankis loko tie por antaŭ-informa artikoleto pri la milio: vi trovos ĝin en EV-30a; do bv. ĝin "alpensi" antaŭ la recepton pri omleto milia.)

21a paĝo: la unua nomo estas Adolf Mosch. (Kaj dekstre de la nomoj en la malplenan lokon en-desegnu af. belan bukedeton!)

24a paĝo: en Usona letero, 3a alineo, antaŭlasta linio komenciĝu: "neniu povas"...

25a paĝo, antaŭlasta alineo, en lasta frazo estu: "vizitadi".

26a paĝo, 1a alineo, lasta frazo: "kaj al EV". En "Titoloj serĉataj" en la antaŭlasta frazo estu "natur-konforma".

27a paĝo, en Libervolaj donacoj, dua linio estu: "donace taŭgan sumon"...

Kaj fine: ni pardonpetas pro la preseraroj! - Espereble en la venonta numero ne estos peto: Korektu af. la korekturon... kaj ke ĉi-foje ĉiuj laboros precize.

---

Elfalis el EV-29a la jena korespondpeto: Eugeniusz Jasiewicz, ul. Okrąg 2 m. 5A, PL-00-423 Warszawa, deziras korespondi kun ĉiuj je temo koncernante la teruraj sekvoj devenantaj en kazo de uzado de nuklearbomboj.

## LIBERVOLAJ DONACOJ

Ne estas abonkotizo por EV; membroj de TEVA sendu al siaj landaj perantoj taŭgan sumon laŭ siaj eblecoj. Ne-membraj kolektantoj estas invititaj sendi 4 rpk. kontraŭ ricevo de numeroj 27 kaj 29, 2 rpk. kontraŭ ricevo de aliaj numeroj neelĉerpitaj.

SINCERAN DANKON al niaj subtenantoj-donacintoj:

ARGENTINO: Corral/3+9, Delprato/5, Hess/3+20, Laissue/20, Marllótolo/20, Martinez-U./4, Milkuschuc/3+5, Romero/3+20, Salvador-L./3+20, Teja/3, Valle/20 $m.; AŬSTRALIO: Butkunas/5, Gültling/10, Prewett/3½ $; BELGIO: Bury/400, de Cock/200, Lodor/100, Willy/100; BRITIO: Long/5, Lord/3, Howard/1, Robinson/2, Robotham/2½, Sly/5, Tordoff/3, Walmsley/2 £; ĈEĤOSLOVAKIO: Barcaj/20; Bárta/25, Bednářová/50, Bednařík/50, Binder/20, Bodenlos/50, Brejník/40, Doležalová/100, Drbohlavová/70, Fialová/50, Fritsch/40, Furman/30+30, Grosmann/100, Hiršlová/30, Jasiok/50, Josková/40+25, Kozel/40+100, Kraft/50, Kroa/50, Machálek/30, Marček/libroj, Mihálová/30, Mikloš/50, Niemczyk/50, Novotná/40, Levora/50, Lisý/40+50, Resner/50+100, Rávay/40, Rytíř/100, Sladeček/250, Stýblová/50+50, Štipl/25, Trojan/50, Trojánková/20+25, Valjanová/50+50, Vašek/25, Venturová/50, Zentrich/40, Zvěřina/30+30 kčs; FINNLANDO: Backholm/50, Berger/6, Kivistö/10, Kuhanen/40, Kuoppala/15, Paananen/24, K.Pulli/20, M. Pulli/20, Rannisto/20, Tähtinen/20, Vollti/25 mk, + Teranto/$10; FRANCIO: Amable/50, Beden/25, Delagnan/30, Gaillard/120 F.; GERM. DEM.RESP.: Würker/100 kčs; GERM.FED.RESP.: Kaŭkal/517, Mosch/30, Toeres/25, Welger/10; HUNGARIO: Bénik/100, Fajszi/100, Fülöpp/50, Katona/140+100, Kottán/90, Magyar/60+60, Mathé/30, Ja.Nagy/50+50+100+50, Jo.Nagy/100+50, Rézsó/100, Zemplényi/50+50; ITALIO: Nicolodi/11 gld; JAPANIO: Koga/2000, MacGill/1000, Yamasaki/1000 yen,+ Masaki/14 gld; JUGOSLAVIO/£3; KANADO: Fleury/10$; NEDERLANDO: Beek/20, Klomberg/15, Landheer/25, Schenderling/200, Scholten/5, Tinteren/10, Walsem-S./50, Zeiss/10 gld, + Westrhenen/10$; NORVEGIO: Norsted/20, Voltersvik/25; NOVZELANDO: Gibson/5, Larsen/5, Williams/10 $; POLLANDO: Czupało/100, Gayer/100, Idzior/150, Leonovicz/100, Sierocinska/60, Taras/50, Wojtakovski/50, Zavada/200, Zelińska/100 zł; SOVETIO: Alekseev/5, Balsys/3, Beškarjov/6, Bondarova/3, Brunevičiené/3, Dĵiuviené/5, Dmitrišina/3, Gilis/7½, Grigeilis/5+2, Gulidov/10, Jarbutyné/4, Kiselev/10, Košurnikov/25, Krajnov/5, Kulakov/5, Lupickij/5, Nepraustyné/5, Petroševič/5, Portnova/5, Ramonas/10, Rusin/4, Spodobin/5, Suvorov/5, Šaslova/6+10, Šukis/6, Tamašauskaité/4, Vaitkievičiené/3, Valašinas/3, Vikiĵaité/4 rbl; SVEDIO: Mollestad/14 gld, Persson/25 kr; SVISLANDO: Braun/20, Cool/25, Longchamp/25, Nuesch/10, Perrenoud/10, Siga/200 fr; USONO: Estling/15+10, Massen/10, Nell/10+20, Parkerson/20 $.

* * * * *

Estas en la Asocio membroj kaj simpatiantoj. Membroj estas tiuj kiuj tute forlasis la manĝadon de viando kaj fiŝo; simpatiantoj estas tiuj kiuj aprobas la vegetaran idealon sed kies cirkonstancoj ne permesas ke ili ĉiam abstinu de viand- kaj fiŝ-manĝado. Ambaŭ grupoj rajtas partopreni en nia laboro; sed por helpi nian rilaton kun la Internacia Vegetara Unio, bonvolu ne diri ke vi jam estas vegetarano se vi ankoraŭ kelkfoje manĝas viandon aŭ fiŝon. Por ricevi nian bultenon regule, aŭ sendu donacon per via landa peranto aŭ poŝtkarte informu la Sekretarion po unu fojo jare.

ESPERANTISTA VEGETARANO
Bulteno (fondita en 1914) de la
TUTMONDA ESPERANTISTA VEGETARA ASOCIO
Unua Prezidanto: L.N.Tolstoj

NOVA SERIO: NUMERO 29 - OKTOBRO 1980

Redaktanto: Ernesto Váňa
CS - 962 71 DUDINCE, Slovakio, CSSR

ENHAVO



Eldonanto: Christopher Fettes
St Columba's College, Rathfarnham, Dublin 16, Irlando

Kompostita ĉe Edistudio, Pisa; presita ĉe Pronto Print, Dublin 2, Irlando.